# Informilo de Ĝemelaj Urboj



Reta bulteno de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj
8-a jaro    N-ro 1 (28) Marto 2009



**Proponoj al esperantistoj en ĝemelurboj por agado de la persona adopta lingvo**

**La delegacio de ĝemela urbo partoprenos en GEK kaj EEK**

**Historio, Esperanto-movado kaj ĝemelurboj de Changchun**

**Taglibro de vojaĝo en Tianjin**

**Eldoniĝis la libro « Kvindek du tagoj en Esperantujo »**

**Pri foto sur la kovrilo**

## NOVAĴO

**Proponoj al esperantistoj en ĝemelurboj por agado de la persona adopta lingvo**

S-ro Probal DASGUPTA, prezidanto de UEA, ĉiam prizorgas evoluon kaj progreson de la projekto Ĝemelaj Urboj. Li rimarkis, ke oni estis uzanta personan fremdan lingvon kiel ilo instrui/lerni fremdajn lingvojn. Celante tion li tuj pripensis probablan rolon de la projekto. Laŭ lia konsidero mi verkis la proponojn por tio.--- la komisiito

1. **signifo**

Lastatempe aperis ideo, enkadre de la Eŭropa Unio, ke por plibonigi la kvaliton de la lernado de fremdaj lingvoj ene de la Unio, ĉiu civitano adoptu personan fremdan lingvon kaj persone rilatu al la homoj, kiuj ĝin parolas. Oni nomos tiun lingvon “la adopta lingvo”. Estus pionire de la esperantistoj okupiĝantaj pri la ĝemelaj urboj, se ni povus jam nun identigi iujn eŭropajn urboparojn kaj mobilizi iujn homojn ambaŭflanke de la ĝemelrilato por ke, ekzemple, iuj hungaroj en hungara urbo ĝemeliĝinta kun iu nederlanda urbo lernu la nederlandan, kaj iuj nederlandanoj en la ĝemela urbo lernu la hungaran. Ne nepras, ke Esperanto kiel lingvo ludu rolon en la laboro. Sufiĉas, ke esperantistoj kiel organizantoj ludu rolon en la mobilizado de tiu kultivigo de la du lingvoj kiel plej-ŝatataj, persone-adoptataj fremdaj lingvoj. Tiurilate tiu ideo estas praktikebla ne nur en la Eŭropa Unio, sed ankaŭ en aliaj partoj de la mondo.

2. **proponoj al esperantistoj en ĝemelaj urboj**

2-1 konsideru tion se interŝanĝo rilatu al tio
2-2 konsideru rolon de Esperanto se oni preparos sin por lerni aliajn fremdlandajn lingvojn.
2-3 aktive partoprenas en organizado de alialingvo-kursoj funkciigitaj de aliaj sociaj grupoj.
2-4 krei favorajn kondichojn por tio, ekz. inviti samideanojn en ĝemelaj urboj instrui lingvon de invitita lando en Esperanto-aktivecoj, kontaktigi ilin al ne-esperantistoj kiuj estas lernanta lingvon de invitita lando ktp.
2-5 aktive raportas kaj efike propagandas tiujn atingojn por ke socio sufiĉe sciu rolon de Esperanto kaj esperantistoj en la laboro de la adopta lingvo.

3. **sinteno de UEA**

3-1 la projekto Ĝemelaj Urboj de UEA subtenas tiun ideon.
3-2 esperantistoj en ĝemelaj urboj konsideru rolon de Esperanto en tiu laboro kiel eble plej pene.
3-3 la projekto deziras klopodi por krei kelkajn modelajn ekzemplojn kune kun esperantistoj, kiuj partoprenas en ĉi laboro.
3-4 la projekto prenas tion kiel parton de la laboroj, aktive raportas informojn en Informilo de Ĝemelaj Urboj kaj en jara kunveno dum UK, kaj samtempe resumas ilin en sia Jara Raporto

**La delegacio de ĝemela urbo partoprenos en GEK kaj EEK**




La Germana Esperanto-Kongreso (GEK) kaj Eŭropa Esperanto-Kongreso (EEK) okazos inter la 28-a de majo kaj la 3-a de junio 2009 en Herzberg am Harz la Esperanto-urbo. La ministro-prezidento de Malsupra Saksio (Niedersachsen) Christian WULFF akceptis esti alta protektanto de EEK. Jam aliĝis pli ol 160 partoprenontoj el 22 landoj. Interalie la pola

ĝemelurbo Gora sendos oficialan urban delegacion kun grupo de lernantoj. Ankaŭ Bjalistoko, naskiĝurbo de Zamenhof, kreinto de Esperanto, kaj kongresurbo de la 94-a UK, sendos la saman oficialan delegacion. Sur la kongresa hejmpaĝo: http://gek-eek.esperanto-urbo.de vi trovas priajn detatalajn informojn. --- el raporto de Petro ZILVAR kaj KORODY Zsofia

**Pri foto sur la kovrilo**

S-ro Hans FECHLER en la urbo Hildesheim en Germanio longe okupiĝis pri agado de ĝemelaj urboj, kaj speciale starigis kaj redaktis la revuon Pontoj por esperantistoj de Hildesheim kaj ĝiaj ĝemelaj urboj. Li ŝatas fotadon kaj ofte sendas al mi belajn fotojn pri naturo, floro, arbo, animalo ktp. Nun ni ĉi tie ĝuste estas en printempo. Mi elektis unu el tiuj fotoj kiu simbolas printempon kiel la kovrilan foton.--- la redaktoro

## URBA STILO KAJ TRAJTO

**Urba historio**

Changchun, kun 7445800 loĝantoj kaj 18881 kvadrataj kilometroj, ĉefurbo de la provinco Jilin, situas en la centro de la nordorienta ebenaĵo de Ĉinio, kaj evidentaj estas tieaj kvar sezonoj. La nomo de la urbo signifas "Eterna Printempo" en la ĉina lingvo. Prahistorio de la urbo datiĝis de Qin-dinastio (221 aK~207 aK), sed nur en la 1-a de januaro 1932 ĝi estis nomita urbo, kaj nelonge, t.e. en la 14-a de marto 1932 estis nomita Sinkino kiel nomo de ĉefurbo de la pupa ŝtato Manĉuko elnutrita kaj subtenita de la japana imperiismo, kaj renomiĝis Changchun post kapitulaco de Japanio en la 15-a de aŭgusto 1945.



Ĉefaj industrioj de Changchun estas aŭtomobilo, agrikultura produktaĵo, informo pri optiko kaj elektroniko, biologia medicino, energi-fonto, konstruaj materialoj ktp.

Tieaj kulturoj estas diversecaj ekz. Boro Templo, Konfuceisma Templo, Islamaj moskeoj, kelkaj Kristaj preĝejoj, preĝejo de Ortodoksismo ktp.. Ankaŭ multaj estas vizitindaĵoj, i.a. Palaca Muzeo de la pupa ŝtato Manĉuko kaj ĝiaj OK Ministrejoj. (el tradukaĵo de s-ro LI Changlu ĉe http://eo.wikipedia.org/wiki/Vikipediisto)

**Esperanto-movado**

En Changchun estas sidejoj de la urba kaj provinca Esperanto-organizaĵoj, nome Changchun Esperanto-Asocio (CEA) kaj Jilin-provinca Esperanto-Instituto (JEI). Dum invado de Japanio al Ĉinio japanaj esperantistoj vivis en Changchun (Sinkino) kaj tie fondiĝis Manĉoŭkŭo Esperanto-Federacio (MEF), kaj okazis la 10-a Kongreso de MEF en la 22-a de junio 1941. La Revuo Orienta, organo de Japana Esperanto-Instituo, raportis pri tio en sia n-ro8, 1941. Siatempe Radio-stacio Sinkino ĉiumonate dufoje elsendis Esperanto-programon. Post fondo de Nova Ĉinio en 1949 agado de individuaj esperantistoj neniam ĉesis, sed skala kaj organiza Esperanto-movado komenciĝis de novembro 1979, kaj CEA oficiale fondiĝis en la 23-a de decembro 1983. De tiam amaso da esperantistoj aperis kaj aktivas ĝis nun. CEA akceptis multajn eksterlandajn esperantistojn, kaj sendis kelkajn membrojn al en-kaj eksterlandaj Esperanto-aranĝoj,

organizis kaj oakzigis influajn aktivecojn, ekz. agado “Nekrokodilo”, la Nordorienta Ĉina Kongreso de Esperanto, popularigo de Tajĝiĉuan per Esperanto ktp. (el Kroniko de Esperanto-movado en la provinco Jilin<1979-1998> kaj tradukaĵo de Hu Guozhu pri la 10-a Kongreso de MEF)

**Ĝemelaj urboj**

Changchun jam ĝemeliĝis kun Sendai (Japanio), Novi Sad (Serbio), Birmingham (Britio), Flint (Usono), Minsk (Belorusio), Windsor (Kanado), Žilina (Slovakio), Ulsan (Respubliko de Koreio), Little Rock (Usono), Masterton (Nov-Zelando), Ulan Ude (Rusio), Chongji (Korea Demokratia Popola Respubliko), Mora (Svedio) kaj Wolfsburg (Germanio). CEA esperas kaj deziras kontakti samideanojn aŭ Esperanto-organizaĵojn en tiuj ĉi ĝemelaj urboj. Oni povas kontakti CEA ĉe s-ro LIU Minghui kun retadreso: karilo_cxinio@126.com

## Inter ĝemelaj urboj

### Taglibro de vojaĝo en Tianjin

CHO Myoungja （Koreio）

Jam delonge, Eesperanto-societoj de Tianjin en Ĉinio kaj Incheon en Koreio interŝanĝis la ideon realigi ĝemelan rilaton. La invito de s-ro HAN Zuwu, presidanto de Tianjin Esperanto-Societo kaj de Tianjin-anoj finfine ebligis ĉi-fojan viziton al la urbo Tianjin de du Incheon-anoj: s-inoj CHO Myoungja (mi) kaj LEE Ymsuk. Niaflanke s-ro HONG Soungjo, prezidanto de la Incheon, donis al ni taskon reprezenti nian urbon por diskuti kaj sukcesigi la ĝemelan rilaton inter du societoj. La 26-an de julio, 2000, ni forflugis al Ĉinio, kaj restis tie ĝis la 1-a de aŭgusto. La 26-an de julio, kun ĝojoplena koro mi enaeroplaniĝis. La aermaŝino flugis unu horon kaj duonon. Kiam nia aviadilo proksimiĝis al Tianjin, ekvidiĝis la domoj, kiuj aspektas kiel ludiloj. Por mi la urbo Tianjin, kiun mi malsuprenrigardis sur la ĉielo, estis verda kaj bone aranĝita.

En la momento, kiam mi ĵus eliris elirejon de la flughaveno, mi aŭdis la klaran voĉon 'Saluton!' Akceptis nin afable kaj ĝojege kun la verda flago alkutimiĝita al miaj okuloj s-roj Han Zuwu, GAO Chengyuan kaj s-ino GAO Ling. Kvankam mi renkontiĝis kun ili unuafoje, por mi ili ŝajnis esti miaj malnovaj geamikoj, kaj baldaŭ ni komencis enfali profunde en Esperantujon salutante unu la alian. La vetero estis sufoke varma pro arda sunradio, sed mia haŭto estis ne tiel glueca pro la sekeco. Tia varmeco estis pli bona ol tiu kun alta humideco en Koreio por mi. Per aŭtomobilo ni direktis al la urbocentro. Sur la strato troviĝis ne multe da aŭtoj, kaj ĉirkaŭe vasta kamparo estis sternita. Tio estis multe impresdona al mi.

Ĉio en Tianjin estis iom fremda por mi. Dum semajno mi vizitis multajn vidindajn lokojn, spertis fremdajn aferojn kaj ĉiutage havis rendevuojn kun samideanoj en Tianjin. Do mi prezentas miajn impresojn jene.

**Strato**

Kun la proksimiĝo al urbocentro, aperis multaj biciklistoj. Tio sentigis min, ke mi vere venis en Ĉinion. Malmultaj aŭtoj kaj pasantoj kaj ne tiel altaj domoj estis la aspektoj de Incheon dum mia juntempo. Vidante la biciklistojn, kiuj kuradas ien, mi trovis la urbon vivplena.

La strato-stato de Tianjin estis ne densa kompare kun la trafika ŝtopado de Incheon. Por mi ne estis bone kompreneble, ke homoj transiras la vojon, sur kiu kuras aŭtoj kaj ne

troviĝas signallanterno, nur levante la manon, sed kun neniuproblemo malgraŭ la fakto, ke tio estas tre danĝera kaj akcidentebla. Komence mi estis iom konfuzita, tamen baldaŭ lertiĝis al tio.

**Manĝaĵo**

Estis plej multe impresplena parto por mi. La specoj de ĉina manĝaĵo estis tre diversaj, kaj iliaj gustoj estis tute malsamaj. Ordinare, koreoj prenas unue rizon, kaj poste iom da manĝaĵoj, tamen Ĉinoj unue multe da manĝaĵoj kaj poste iom da rizo, aŭ nur manĝaĵojn sen rizo.



Tianjin-anoj regalis nin, la gastojn el malproksima lando trans maro, per multaj manĝaĵoj ĉe ĉiuj manĝtabloj. Kvankam la pladoj estis iom grasaj, ili estis tre bongustaj tiom, kiom mi tute ne sopiris koreajn manĝaĵojn dum la restado. Ĉiutage mi ĝuis la manĝadon. Mia stomako restis ĉiam plenplena ĝis la forlaso el Tianjin. Pro nutraj manĝaĵoj, miksitaj kun sincereco kaj amikeco, mi ne povis senti min laca dum semajna vojaĝo.

Koreoj diras, ke en Ĉinio ne troviĝas Caĵangmyun (kuirita de ĉinoj, kiuj loĝas en Koreio), kiun tre ŝatas koreaj infanoj kaj ankaŭ plenaĝuloj. Sed ĉi-foje mi konstatis, ke en Ĉinio certe estas tiu manĝaĵo, kaj havis la ŝancon gustumi ĝin helpe de s-roj HAN kaj SONG. Ĝiaj formo kaj gusto estis iom similaj al tiuj en Koreio, tamen pli bongusta. Oni diras, ke ĉinoj manĝas ĉion kio havas 4 krurojn escepte de tablo, kaj ĉion kio flugas escepte de aviadilo. Ŝajnas al mi, ke tio estas vera. Spertante bongustajn multspecajn manĝaĵojn, mi povis senti, ke la nivelo de ĉina manĝkulturo estas tre alta. Iom grasaj nutraĵoj bone harmoniĝas kun verda teo.

**Turismo**

Ŝajnas al mi, ke ĉio en Ĉinio estas granda, vasta kaj eĉ nekredebla.

En Beijing ĉefajn turismalokojn, kiuj estas bone konataj en la mondo, mi vizitis: Granda Muro, Somera Palaco, Tienanmen Placo kaj Imperiestra Palaco.



Kiel longa estas Granda Muro, mi ne povis eĉ imagi. Ĝiaj partoj nur troviĝas tie kaj ĉi tie sur grandega montaro. En la tre vasta Somera Palaco estas ankaŭ vasta lago, kiu estas bone harmoniita kun belaj pontoj kun pavilonoj. Kaj plena arbaro kaj belaj konstruaĵoj faras la Palacon plibela. Mi multfoje vidis, ke multaj ĉinoj amasiĝas sur la placo antaŭ Tien'anmen Pordo por bonaj aŭ malbonaj aferoj, kaj ke Imperiestra Palaco estas ege grandioza, kio estis prezentita en la filmo 'Lasta Imperiestro'. Fakte kiel vastaj, grandaj kaj belaj estas ili! Kaj

de kie venas tiel multaj homoj! Nur mirinde.

La turismalokoj en Tianjin estas iom simplaj kaj malpli grandaj ol tiuj en Beijing.

Viktoria kaj Libera Stratoj havas elegantecojn malnovajn pro Eŭropo-stilaj domoj. Estas bonloko por promenadi. Multspecaj bankoj troviĝas tie. Ŝajne tio signifas, ke Tianjin estas la tria granda urbo en Ĉinio. En la sesa tago de la vizito, mi vojaĝis al Antikva Kultur-strato, Ora Strato kaj Nanshi Manĝaĵo-strato. La stratoj estas la plej vivplenaj kun multaj vendejoj kaj svarmantaj homoj. Precipe sur Ora Strato okazis diversaj eventoj laŭ la mezvojo. Do ĉiuj vojirantoj povis ĝui sin senpage. Ankaŭ mi amuziĝis rigardante la scenojn.

Tre rapide pasis unu semajno. Ĉiutage mi havis ĝojan vojaĝon sub afabla gvido de Tianjin-anoj. De mateno ĝis nokto s-ro HAN Zuwu zorgis du koreajn virinojn kaŝante sian lacecon kaj montrante sin tre vigla. Malgraŭ okupiteco s-ro SONG Jingquan havigis al si dutagan liberan tempon por ni, kaj invitis nin al sia domo, kiu estas moderna kaj bela. De Tianjin-flughaveno s-ro GAO Chengyuan kaj s-ino GAO Ling kondukis nin kun afableco kaj amikeco. Krom ili, en vesperaj kunvenoj partoprenis ges-roj Wang Jingrong, WANG Shuhuan, HAO Weining, CAO Baozhu kaj korea esperantisto CHOI Manwon, kiu tiam loĝis en Beijing, kaj gastigis nin per palatoplaĉaj frandaĵoj. Kiel mi povus danki ilin?



Ili afable gvidis nin ĝis la flughaveno la lastan tagon en Tianjin. Adiaŭinte ilin mi eniris la enirejon, finis ellandiĝan proceдон, kaj turnis min malantaŭen. Oh! ĝis tiam ili skuadis la manojn. Kiel fari? Mi mallevis la pakaĵon, fervore skuante miajn ambaŭ manojn, esprimis dankegon al ili, kaj forlasis tiun lokon denove sentante profundan amikecon de iliaj brilaj ridoj. Ankoraŭ restas en la angulo de mia koro ilia varma amikeco. Mi ne dubas, ke kiam la samideanoj el Tianjin vizitos Incheon urbon, la ĝemela rilato certe sukcesiĝos. Mi pensas, ke la ĝemela rilato inter du urboj pere de la vizito de Inchon-anoj estas nur duonsukcesa. Do mi esperas, ke ili venos al Incheon kiel eble plej baldaŭ, kaj ke ilia esperanta agado prosperos senfine. Elkoran multan dankon al ĉiuj.

## Serva Platformo

**Ĉinio**

**Eldoniĝis la libro «Kvindek du tagoj en Esperantujo»**

Esperanto estas vivanta internacia helpa lingvo. Ĝi estas bona ilo por interkonatiĝo, interkompreno kaj interŝanĝo inter popolanoj de diversaj nacioj kaj de diversaj landoj en la tuta mondo .

En la jaro 2008, de la 28-a de februaro ĝis la 20-a de aprilo, invitita de Federacio Esperanto Bretonio, Francio, sinjoro LIU Xiaojun, profesoro de franca lingvo kaj de Esperanto de Shandong-a Universitato de Ĉinio, prezidanto de Shandong-a Esperanto-Asocio, vojaĝis en la bela regiono Bretonio Francio dum preskaŭ du monatoj.

Li interkonatiĝis kaj amikiĝis per Esperanto kun multaj esperantistoj kaj

neesperantistoj. Li faris dek naŭ prelegojn pri Konfuceo kaj la influo de Konfuceanismo en la mondo, kun temo **"**Konfuceanismo kaj Shandong provinco**"**. Unu el la gravaj fruktoj de lia vojaĝo estis, ke du Esperanto-organizoj sukcese konsentis starigi la amikan rilaton kaj subskribis la "Ĉarton de ĝemeliĝo inter Shandong-a Esperanto-Asocio kaj Federacio Esperanto Bretonio".




La libro «Kvindek du tagoj en Esperantujo»（Vojaĝo de ĉina esperantisto en bela regiono Bretonio, Francio）verkita de s-ro Liu rakontis lian belan, neforgeseblan vojaĝon kaj multajn renkontiĝojn plenajn de amikeco, intimeco, gastemeco kaj feliĉo de esperantistoj. Li montras al ni unu belan mondon de esperantistoj, kie pleniĝas de espero, paco, amikeco kaj amo. En la libro li ankaŭ prezentis la pensojn kaj saĝecon de Konfuceo, granda kaj fama filozofo de la antikva Ĉinio antaŭ pli ol du mil jaroj kaj lian influon en la mondo.

La verkisto montras al legantoj belajn pejzaĝojn de Esperantujo kaj lian intiman senton kaj amon al esperantistaj amikoj tra tiu ĉi libro (185x260) kun 155 paĝoj kaj 130 koloraj belaj fotoj.

Oni povas aĉeti tiun libron (prezo: 20 Euroj) publikigitan de Shandong-a Esperanto–Asocio Ĉinio ĉe adreso: s-ro Liu Xiaojun, Shandong Daxue, Waiguoyuxueyuan, 250100 Jinan, Ĉinio. Retadreso: chineliu@126.com

**Portugalio**

S-ro Luis Ladeira, kies **Projekto: Reto el Oficialaj E-urboj kaj vilaĝoj** aperis en n-ro 27 Informilo de Ĝemelaj Urboj, ŝanĝis sian retadreson. Oni kontaktas lin per la retadreso ludoviko@portugalmail.pt

## Dankon

Prof. WEI Yida el Ĉinio, redaktoro de Penseo, donis bonan proponon kaj gvidon al la PDF-formo adoptita de nia revueto. La redaktoro esprimas koran dankon por lia faro.

## Funkciuloj de la projekto

S-ro Probal DASGUPTA , prezidanto de UEA
S-ro HORI Jasuo, estrarano de UEA pri landa kaj regiona agado
S-ro Osmo BULLER, ĝenerala direktoro de la Centra Oficejo de UEA
S-ro WU Guojiang, la komisiito de la projekto

## Redakcio de Informilo de Ĝemelaj Urboj

Redaktoro: s-ro Wu Guojiang, Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo, CN-113008, Fushun Liaoning Ĉinio; Telefono kaj Fakso:+86-413-2650322; Retadresoj: ghemelurboj@yahoo.com.cn amikeco999@21cn.com
Provlego: s-ro Robert BOGENSCHNEIDER, retadreso: robog@gmx.de